# LITERATURA MONDO



TRIA JARO, DEKA NUMERO, BUDAPEST OKTOBRO 1924

REDAKTA KOMITATO: JULIO BAGHY, KOLOMANO DE KALOCSAY, PAULO DE LENGYEL, PAULO BALKÁNYI, PAULO VARSÁNYI, KARLO BODÓ

ELDONAS: HUNGARA ESPERANTO INSTITUTO BUDAPEST VI, EÖTVÖS-UTCA 3

# AL LA LEGANTOJ

Vi konas la historion pri la naŭ libroj de *Sibylla*. Reĝo Tarquinius trovis tro alta ilian prezon. Sibylla tiam ĵetis tri, poste denove tri librojn en la fajron, kaj postulis por la restintaj la saman prezon. Kaj la lastajn tri la konsternita reĝo aĉetis.

Niaj 24 paĝoj ne trovis sufiĉon da abonantoj, nun ni estas devigataj postuli por 16 paĝoj la saman prezon. Ĉu oni nun aĉetos? Ĉu forbrulos ankaŭ la lastaj paĝoj?

*

Oni ne povas riproĉi nin. Dum du jaroj, grandpene ni donis tiun minimumon, kiun ni opiniis necesa por literatura revuo. Nun ni devas doni tiun maksimumon, kiun la Esperantistaro ebligas al ni.

Sed ne ĝuste ni diris. Eĉ tion ĉi ĝi ne ebligas.

Ni havas 300 abonantojn. 600 ni bezonas por ne havi deficiton. 9C0: por ree aperi 24-paĝe. 1200: por aperi 32-paĝe.

La nunan deficiton ni kovras per donacoj donitaj por nia *garantia kapitalo.*

Provizore ĉiuj ĝisnunaj donacantoj estas membroj de la Hungara Esperanto Societo.

Nun montriĝos: ĉu la esperantistaro volas havi nin, ĉu ĝi konscias, ke *nia lingvo vivas en sia literaturo,* ke nia literaturo *ne povas malhavi periodan organon.*

La eldonon faras de nun la *Hungara Esperanto Instituto,* ĉiu redaktanto kaj administranto laboras senpage, oni do ne povas plu endormigi sian konsciencon per tio ke oni ne subtenas privatan entreprenon. Kiel ni akcentu, ke *la revuo apartenas al la tuta esperantistaro,* ke ni fine vidu ankaŭ tian bonvolon kaj fervoron, kian oni havas en la intereso de sia propra havaĵo!

Ni havas du petojn:

1.) *abonon, abonigon, propagandon,*

2.) *monhelpon, donacojn por nia garantia kapitalo.* En okazo de ekprospero: unuavica repago garantiita de la Hungara Esperanto Societo.

La revuo estas laŭdata: „ĉiam alte sin tenis, proksime al la plej pura fonto de lingva zorgo kaj eleganteco. Nediskuteble ĝi fariĝis nia ĉefa centro literatura . . .“ diras pri ĝi la Akademia raporto.

Ni — iom hontas pri la laŭdoj, ĉar — tre malmulte la revuo kontentigas nin, ĝi estas malproksime de nia revo kaj intenco. Sed — ni vere faris nian eblon. Se nur la esperantistaro estus farinta la dekonon de sia eblo.

Se nun tuj, ĉiu abonanto ekiras kaj ripozos *nur post la akiro de allmenau unu nova abonanto*, ni aperos 24-paĝe.

Se la mondo esperantista havas tiom da Mecenata spirito, ke ĝi povas kaj volas oferi — la tuta Esperanta mondo! — monate 40 dolarojn: ni aperas 24-paĝe.

Jen, nun la tuta situacio estas klare antaŭ vi. Vi juĝas pri nia sorto, ni obeeme plenumos vian verdikton.

Do — bonan laboron! Aŭ — bonan dormon!

*LA REDAKTA KOMITATO*

# REPREZENTADO

Ni petas kore ĉiujn estintajn reprezentantojn, bonvolu nin sciigi poŝtreturne, ĉu ili entreprenas nian pluan reprezentadon laŭ la jenaj kondiĉoj:

1.) Ni *ne povas liveri komisie,* nur je kontanta pago. Sed ni donas 33¹/₃ procentojn da rabato.

2.) La pagon ni nepre bezonas ĉiam *post du numeroj.* La *trian numeron* ni povas sendi *nur post la ricevo* de la pago.

Ni petas pardonon pro ĉi tiuj ŝajne severaj postuloj, sed nia financa situacio kaj la manko de kreditnegocoj en la lando devigas nin je tio ĉi.

Ni esperas, ke ĉi tiu nova aranĝo tamen ne estos malhelpo, se oni mendas nur tiom da ekzempleroj, kiom oni certe povas vendi.

Kun samideana saluto:

*HUNGARA ESPERANTO INSTITUTO*

# „TJÚVA"

T. ŜIRJAEV

(Daŭrigo)

Difinitan planon de la ekskurso mi ne havis kaj tial, dum Tjúva kaŝis en arbetaĵoj la boateton kun la remiloj, mi kuŝiĝis sur molan, verdan tapiŝon de densa herbaro, kiu tie komenciĝis preskaŭ apud la akvo kaj, ne ellasante el la manoj la besteton, kiun mi tenis jam de la vilaĝo, avide mi enspiradis plenbruste la mirindan aromon de la herbejo.

— Nu, kion ni faros nun? — Tjúva diris, falante teren apud mi kaj zorgeme prenante la leporidon.

— Unue ni liberigu ĝin kaj samtempe miajn manojn.

Per manoj tremantaj li elprenis el la ĉapo la leporidon kaj metis ĝin sur herbon. Ĝi estis eta, maldiketa besteto. Ĉirkaŭ la kolo estis metita per amanta mano maldika kaj mallarĝa rubandeto silka kun belforma banteto. Mi volis konvinki Tjúva' on, ke li antaŭe formetu la rubandeton, sed li volis precize plenumi la volon de la knabino, kiu petis, ke la rubandeto restu sur la besteto por memoro pri ŝi kaj li estis malcedema. Longe li karesis per sia maldelikata kaj malpura mano la leporon, kisis ĝian buŝon kaj flustris tiujn nemultajn karesvortojn, kiujn li sciis. La besteto, eksentinte parencajn kampojn, fariĝis maltrankvila, ĝi penis liberiĝi, leviĝante sur la malantaŭajn piedetojn, intense movetis la orelojn kaj direktis sian rigardon en al malproksimon allogan. Subite Tjúva ekkriis kaj etendis la manojn al tiu loko, kie ĵus sidis la besteto, — sed ĝi jam forestis, malaperinte en herbdensaĵo. Longe li rampis ĉirkaŭe, esperante por unu momento ankoraŭ ekvidi la forkurinton kaj diri al ĝi ankoraŭ unu karesvorteton, — ĉiuj serĉoj estis vanaj. Kiam Tjúva revenis, mi rimarkis larmojn sur liaj okuloj.

*

La suno subiris kaj de la odora herbejo leviĝis nepenetrebla nebulo, kiam ni, lacaj pro longa sencela vagado, haltis sur bordo pitoreska de ia sennoma rivereto, kun bruo fluanta laŭ sia malprofunda, ŝtoneca kuŝejo. Preskaŭ ĝis zono malseke pro roso, malavare akvuminta la herbaron, ni decidis resti tie ĝis la tagiĝo. Tjúva trovis sekan branĉaĵon kaj, majstre kunmetinte ĝin, bruligis. Tiam la kaldroneto, prenita de li en la vilaĝo, montriĝis por ni neanstataŭebla: boliginte en ĝi akvon, ni plezure ripozis tetrinkante.

— Por kio vi kolektas tiujn ĉi herbojn kaj florojn?... Ĉu vi sorĉos per ili?... — li demandis, malplenigante sian laŭvican glason. — En Vajŝa estas maljunulino Nahiba... oni parolas, ke ŝi ĉiusomere vagas laŭ arbaroj ankaŭ kolektante diversajn radikojn kaj florojn, el kiuj ŝi kuiras kuracilojn kaj sorĉtrinkaĵojn. Multaj sin turnas al ŝi... ĉu vi ankaŭ kuracas?...

Dum nia promeno mi kelkfoje jam devis kontentigi lian scivolecon, kiun senĉese elvokis ne sole mia nekutima por li sintenado, sed ankaŭ mia eksteraĵo, en kiu speciale okulfrapis lin la esperantista signeto. Mi ne scias, ĉu miaj respondoj ĉiam estis kontentigaj, sed la parolo, dediĉita al la signeto, pri ĝia signifo kaj destino, ŝajne, profunde influis lin, ĉar, kiam mi finis, li profunde ekspiris, ekrigardis la signeton kun envio kaj diris:

— Sekve ĉie, kien ajn vi venus, oni komprenos vin?... Ankaŭ en la landoj postmaraj, kiujn vi aludis dum la vojo, rakontante pri mirindaj arbaroj eterne-verdaj kun bestegoj sovaĝaj, simioj kaj tiuj birdoj diverskoloraj... sciantaj paroli?

— Papagoj?

— Jes, papagoj!... Mi forgesas ĉiam tiun ĉi malfacilan nomon...

Ricevinte ankaŭ je tiu ĉi demando respondon jesan, la knabo ekrevis kaj mi longe observis kun amo lian entuziasman vizaĝon, lumigitan de la lastaj ekflamoj de la lignofajro estingiĝanta. Estis klare, ke ia neforpelebla penso tute ekposedis lian kapon. Forlasante la ripozlokon por atingi ian fojnejon, starantan, laŭ la vortoj de Tjúva, ne malproksime, — li kelkfoje ekglatigis la kapon per la mano, kvazaŭ dezirante ion forpeli el ĝi por reveni al la realo kaj, malfacile ekspirinte plenbruste, li diris duonvoĉe:

— Papagoj, papagoj!... Mi senrifuze ĉion laborus, mi ĉion fordonus, se oni donus al mi eblon viziti tiujn landojn sorĉajn, aŭdi papagojn... aŭ almenaŭ posedi unu tian birdeton...

*

La nebulo vespera foriĝis, ĝin anstataŭis mallumo, kiu nerimarkeble kovris la teron. Iri tra la tute nekonata herbejo en tia mallumo estis tre malfacile kaj riskoplene; mi jam volis reveni al la ĵus forlasita loko sur la bordon de la rivereto por atendi tie la mateniĝon, kiam kun vento iom plifortiĝinta alflugis subite resono de malproksima tondro, kiu malbonsigne tratranĉis la aeron silentan super niaj kapoj. Reveni ĉe tiaj kondiĉoj estis senprudente kaj ni ekkuris antaŭen por atingi la fojnejon antaŭ la komenco de la fulmotondro.

— Ni kuru, sinjoro!... — preskaŭ senĉese kriis Tjúva, svingante per la manoj. — Ni kuru! Jam proksime estas la fojnejo!...

Mi ne scias, kio montris al li ĝian proksimecon, ĉar pro la ĉiam pligrandiĝanta mallumo nenio estis vidata eĉ je du paŝoj. Senĉese jen faletante je la malglataĵoj de l' tero kaj je ŝtonoj, jen trafante kavaĵojn kaj malgrandajn riveretojn, hazarde ni kuris jam sufiĉe longan tempon kaj nenia rifuĝejo estis renkontita. Tondro nun sonis nesilentiĝante kaj fulmo tratranĉis la mallumon en ĉiuj direktoj, blindigante nin per sia bela lumo subita.

Tjúva metis mian paperpakaĵon enhavantan notojn, kolektitajn kreskaĵojn kaj alumetojn en la kaldroneton kaj renversinte ĝin, metis ĝin sur la kapon. Baldaŭ grandaj gutoj de pluvo ekfrapis sur la fundo de la kaldroneto kaj ni haltis por reguligi nian spiradon. Tjúva estis konfuzita kaj delonge jam nenion parolis pri la fojnejo.

— Ni iru pli rapide! — mi diris. — Ĉu baldaŭ ni atingos la rifuĝejon konatan al vi?

— Ni ien flankiĝis... La fojnejo estas ne tie ĉi... — li respondis jam per voĉo plorema.

En la sama momento ĉe lumo de fulmo, ekbrilinta ĝuste super niaj kapoj, ni ambaŭ ekvidis je kvin-ses paŝoj antaŭ ni iajn arbojn kaj apud ili tendon, faritan el arbobranĉoj kaj kovritan per herbo. Tiu ĉi eltrovo estis tiel neatendita kaj ĝustatempa, ke ni ambaŭ senvorte, senkonscie nin ĵetis al ĝi kaj la terura tondro kun la torente-ekfluinta pluvo, kiuj sekvis tuj post la fulmekbrilo, trovis nin jam sub la tegmento de la malalta tendo gastama. Mia kunulo, etendiĝinte laŭlonge de la tendo sur ĝia mola kuŝejo el freŝa herbo seka, tuj ŝanĝiĝis: la antaŭa gajeco kaj babilemo ree revenis al li. Elstarigante renkonte al la pluvo jen la vizaĝon, jen la manojn, li longe laŭte ridis kaj duonvoĉe parolis ion al si mem ĝis kiam nova, ŝajne, ankoraŭ pli forta tondro ekskuis eĉ la teron kaj preskaŭ detruis nian tendon. Preskaŭ samtempe io laŭte ekkrakis super la kapoj kaj falis kun granda bruo ie proksime de ni. Tjúva elsaltis el la rifuĝejo, sed baldaŭ revenis kaj, kuŝiĝinte sur sian lokon, komencis:

— Arbon, grandan arbon dikan trafis fulmo!... Ĝi antaŭ nelonge vivis ankoraŭ kaj nun estas malviva... Kian doloron ĝi sentis sendube, malfeliĉa!... Mi tre ŝatas la arbojn kaj mi ne povas rigardi sen larmoj, kiam oni dehakas ilin, precipe, se ili ankoraŭ estas junaj, negrandaj!... — li diris la lastajn vortojn mallaŭte per plorvoĉo.

*

Dum du tagoj mi vagis senlace kun Tjúva tra la senlima herbejo, multfoje, laŭ lia peto, mi ripetadis al li miajn rakontojn pri sorĉaj malproksimaj landoj, pri tieaj loĝantoj kaj preskaŭ ĉe ĉiu paŝo mi estis nevola atestanto de tio, per kia kompato kaj malfalsa amo batis lia koro al la naturo, precipe al ekzistaĵoj malfortaj kaj sendefendaj, kiuj ajn ili estus: ĉu leporido, ĉu birdo, ĉu erinaco, ĉu fine, senanima arbo aŭ floro, rompita de vento.

Nia disiĝo estis tre kortuŝa. En horo difinita Tjúva akompanis min ĝis la vaporŝipo. Tie, lokinte ĝustaloke miajn valizojn, li longe restis silenta apud mi, ĉifante per la manoj sian ĉapon kaj de tempo al tempo ellasante el la brusto profundajn ekspirojn. Liaj okuloj malgajaj estis direktitaj al la signeto, kiu, kiel antaŭe, altiradis lian rigardon per ia forto mistera. Estis evidente, ke dum nia mallonga kunestado, li tiel alkutimiĝis al mi, ke la disiĝo estis doloriga por li. Nur kiam la vaporŝipo ekfajfis je lasta-tria fojo, Tjúva, kvazaŭ vekiĝinte el dormo, ektremis, ekrigardis min lastfoje, sed la rideto, kiun lia mieno volis prezenti en tiu momento, tuj aliformiĝis je plorgrimaco.

— Adiaŭ, sinjoro!... — li diris, eltirante la manon. — Ne forgesu, vizitu nin pli ofte!... — kaj li malaperis.

*

Mian promeson, donitan al Tjúva pri baldaŭa reveno ree en la vilaĝon, mi, kompreneble, ne plenumis, ĉar dum kelkaj jaroj post tio mi ne havis eblon ricevi eĉ kelktagan forpermeson someran. Profundiĝinte en la malgrandaĵojn de la oficservo, mi baldaŭ eĉ tute forgesis lian nomon kaj nur lia originala figuro iam kaj iam ankoraŭ aperadis en mia memoro, ĉiufoje restigante en la koro ian malgajon kaj riproĉon.

Dum la milito mi subite ricevis leteron de unu juna samideano — eksstudento kun kiu mi konatiĝis antaŭ longe, sed kun kiu dum la lastaj militaj jaroj mi tute ne korespondis. La letero estis mallonga kaj skribita ruslingve, laŭ lia peto, de flegistino de milita hospitalo. El la letero mi sciiĝis, ke la samideano partoprenis la militon, en iu batalo estis danĝere vundita kaj nun, okaze estante proksime de mi — en hospitalo de Rybinsk, li rememoris pri mi kaj elpetis, ke mi vizitu lin kiel eble plej baldaŭ, ĉar, kiel skribis la flegistino, li baldaŭ estos forveturigata ien malproksimen. Feliĉe, tio ĉi okazis en sabato, sekve, mi havis sufiĉan tempon por plenumi la peton. Ne hezitante eĉ unu minuton, mi post du horoj jam rapidis per vagonaro, kiu matene de dimanĉo estis jam en Rybinsk.

Mi trovis la hospitalon, tie pridemandis pri la amiko, pri la flegistino, fine, en iu duetaĝa ĉambro mi trovis ŝin. Kun bedaŭro mi sciiĝis, ke mia amiko ankoraŭ hieraŭ estis forveturigita ien orienten, en Vjatka'on aŭ en Permj'on.

Konfuzite de la malprospero, mi petis pardonon kaj volis jam foriri, kiam sur unu lito, kiu staris ĝuste kontraŭ mi, ekmoviĝis ies figuro, ĝis tiam kuŝinta senmove, kaj el-sub formetita litkovrilo aperis maldika, sensange-pala, kiel tolaĵo, vizaĝo kun grizaj okuloj, lumiĝintaj per boneco kaj malruzeco el profundaj okulkavaĵoj. Super lia kapo briletis nova soldata ordeno. Ekrigardinte lin mi tuj eksentis ion parencan, bone konatan. Ne povante tuj ekmemori, kie mi vidis lin, mi fikse rigardis lian vizaĝon. Dume sur lia larĝa buŝo aperis rideto kaj mi ekaŭdis:

— Sinjoro!... Ĉu vi estas tiu sinjoro kiu...

— Tjúva!... Karulo, Tjúva! — mi ekkriis responde, tuj ekmemorinte lian vilaĝan nomon. — Ĉu vi estas vundita?...

— Li ne estas vundita, sinjoro, — diris la flegistino, preterirante. — Li estas nervomalsana... Longaj paroloj kun li estas malutilaj por li, — ŝi aldonis per voĉo pli mallaŭta.

— Kiamaniere vi meritis la krucon? — mi demandis post ioma paŭzo, premante ambaŭ liajn manojn maldikajn kaj malvarmajn.

— Oni donis al mi ĝin nemeritite...

— Tamen? En tiu ĉi ĉambro kuŝas tiom da

viaj kolegoj kaj nur tre nemultaj el ili havas la ordenon.

— Tio ĉi okazis en Galicio, — vigliĝis Tjuva. — Nia regimento staris proksime de Stanislaw... Unufoje nia rotestro vespere kunvokis nin kaj diris: „Hodiaŭ nokte estas necese trarampi al la malamiko por ricevi de tie bezonajn sciigojn. Kiu el vi, bravuloj, deziras tiamaniere meriti la ordenon?" Ni ĉiuj — la tuta roto — estis pretaj plenumi la taskon, sed, ĉar por simila afero estas bezonaj nur tri-kvar soldatoj, la rotestro elektis min kaj tri aliajn soldatojn... Nokte, ricevinte de la estro detalan instrukcion kaj bondezirojn de la kolegoj, ni ekiris, ne rimarkitaj de la malamiko, ni penetris en lian remparon kaj, kaptinte unu kuglĵetilon, sen perdoj ni revenis... Vi, sinjoro, ankoraŭ portas vian signeton... — li daŭrigis post nelonge, montrante per la mano la esperantistan signeton. — Tian saman signeton mi vidis tiam... ie... Lasu mian manon, mi petas, mi kuŝiĝos!... Kiam ni revenis estis mateno. La suno gaje ridetis al ni, floroj diverskoloraj estis sennombre disĵetitaj ĉirkaŭe, el arbetaĵoj aŭdiĝis birdkantado, kaj en la animo estis ankaŭ tiel lume kaj gaje... Ni jam alproksimiĝis al niaj remparoj, kiam nian atenton subite altiris ies ekmovo suspektinda en densa arbetaĵo... proksime de ni... Ni haltis, preparis niajn pafilojn kaj aŭdas de tie... el la arbetaĵo kortuŝan akresonan voĉon malfortan en malbona rusa lingvo: — „Rus', rus', ne pafu!... Rus' ne pafmortigu!..."

La voĉo de Tjuva ektremis, sango alfluis al liaj neĝe-palaj vangoj kaviĝintaj. Li fermis la okuloj kaj silentis iom da tempo.

— Alkurinte al la arbetaĵo — li daŭrigis, rigardante min per siaj febraj okuloj, — ni ekvidis... Sin apoginte per la dorso je arbetaĵtrunko sidis jam ne juna oficiro aŭstra. Liaj okuloj pro teruro estis larĝe-malfermitaj... la mano maldekstra estis levita supren kaj la dekstra senhelpe kuŝis sur la genuoj en maniko sangmakulita... Kaj... kaj ĉu vi kredas?... Sur lia brusto, sur ĉeneto arĝenta de poŝhorloĝo, mi ekvidis jen tian saman steleton... Tuj mi ekmemoris vin, viajn mirindajn rakontojn kaj kompato neesprimebla al la nekonatulo-malamiko ĉirkaŭkaptis min... Mi rigardas lin kaj li penas ion klarigi al ni en sia lingvo nekonata... verŝas jam larmojn kaj, montrante per la fingro jen la ĉielon, jen sian armilon forĵetitan, petegas pri io, ripetante kun ĉiu vorto kortuŝe: „Rus'!... rus!..." Kaj mi decidis, ke mi permesos al neniu iamaniere malutili al la malfeliĉulo... „Bravuloj!" mi diris al la kolegoj, „ni forlasu lin!... Ni foriru!... Post nelonge li mortos"... Ankoraŭ mi ne finis tion ĉi, la aŭstro laŭtege ekkriis malespere ruslingve: „Rus'! rus', ne piku!..." Mi ekrigardis lin kaj tuj mi ĉion komprenis: unu el la soldatoj jam preparis sian bajoneton por mortpiki lin kaj alia levis pafilŝtipon super lia kapo... Mi fermis la okulojn kaj decidis nepre defendi lin, sed pli frue, ol mi faris tion, mi ekaŭdis abomenan specifan sonon mallongan de ekpiko bajoneta kaj antaŭmortan stertoron: „Rus'! rus' ne piku!..."

Tjuva silentiĝis kaj ree paliĝis ankoraŭ pli ol antaŭe. Ferminte la okulojn kaj kunmetinte la dentojn, li ekmoviĝis en teruraj konvulsioj, laŭte stertorante:

— Rus'!... rus'!... Kaj sur lia brusto brilis... tia sama steleto!...

La flegistino alkuris, prenis lin je manoj kaj diris al mi riproĉe:

— Mi avertis vin, sinjoro, ke vi ne devigu lin rakonti ion el la pasintaĵo... Tio ĉi estas tre malutila por li...

*Premiita dum la Int. Floraj Ludoj en Vich.*

---

### FRUPRINTEMPO
MARIE UNDER

Jam akvo ĝoje de l' montetoj fluas,
Papere disŝiriĝas neĝ' en val';
Riveroj birde liberecon ĝuas.

Nudecon sian hontas la arbar',
Burĝonon ĝi surmetas senhezite;
Faladas el salika amentar'

Brunruĝa lano, sorbas apetite
La oran sunolakton vekiĝinta tero,
Kaj reviviĝas la natur' subite.

La sturnoj ŝutas el la bluaero
Sur teron sonojn ĝojigantajn korojn,
Ŝoifas herbo strečorela je libero,

Kaj jam sopire serĉas, serĉas — florojn.

### SENDORMECO
MARIE UNDER

Mi kiel dormu nun, se tiel amas koro.
La plankon arĝentigis luno hela,
Briletas larme la ĉielo stela —
Mi kiel vin forgesu dum ĉi tiu horo!

Mi kiel dormu nun, se tiel amas koro,
Ke la sopiroj kvazaŭ ornamaj' juvela
Brilegas en la duonlum' fabela —
Nun feliĉigi povas eĉ doloro!

Pri vi nur arde revi, kaj sen tim'
Laŭ ĝojoondoj rozkoloraj gliti,
Danĝeron dolorigan ne eviti...

Mi kiel dormu kiam la anim'
Ĉi noktojn ĝuas kun dolor' kaj ĝoj',
Nun je unua aŭ je lasta foj'.

### SURPRIZO
MARIE UNDER

Min via buŝ' surprizis, kvazaŭ flor'
Rosplena ĝi aromis en silent',
Ĝi rave ardis pro ekstaza sent',
Kaj sangis kvazaŭ vundo pro dolor'.

Ekbrilis fulme mia ruĝa kor',
Amante vin, ĝi cedis al la tent' —
Min viaj brakoj kovris kvazaŭ tend',
Vesper' surŝutis nin per grizkolor'.

Ho! kvazaŭ somernokta florĝarden'
Post pluv', ekfloris nun per nova fort'
Sub viaj kisoj mia korp' ebura.

Riĉigis amo min per sia ben'!
Mi kredas: resurprizos nin la sort'
Per sia amabundo senmezura.

El la estona: *Hilda Dresen*

*Rimarko: „Sendormeco" kaj „Surprizo" estas tradukitaj el la kolekto „Sonetid" (Sonetoj). „Frupritempo" el la kolekto „Sinine puri" (Blua velo). Ci tiuj kolektoj apartenas al la unuaj, aperigitaj de la poetino.*

# ANTAŬ DUMIL JAROJ

N. RAJNOV

Kiam oni juĝis tiun sentaŭgulon, kiu predikis, ke vi alturnu ankaŭ vian dekstran vangon, se oni intencus frapi vian maldekstran vangon, mi aŭdis ekster la fenestro de mia malliberejo multajn voĉojn kriantajn:

„Bar Aba! Bar Aba estu liberigita! Kaj krucumu Jeŝu bar Jozef-on!

Mia nomo estas Bar Aba. Mia patro nomiĝis Aba Mi estis filo de Aba. Ankaŭ Aba estis rabisto kiel mi. Li mortis sur kruco.

„Bar Aba!“ oni kriis. „Bar Aba estu liberigita!“

Tio ŝajnis al mi iom stranga. Kial do min? Tiu mallaborulo, kiu tutan tagon instruis al la homoj tion, alion kaj li mem manĝis malpropran panon, ne mortigis homon. Vere estas, vivi sen laboro estas pli malbone ol mortigo, sed li malhelpis neniun.

„. . . Kaj krucumu Jeŝu bar Jozef-on! —“

Oni liberigis min. Kiam oni estis krucumonta lin, iu surportis lian krucon. La homo laciĝis kaj petis min, ke mi anstataŭu lin momente. Ne estis malproksime: de la strateto de la bakistoj ĝis Galgaleto estis du ŝtonĵetoj, sed tio ne estis mia afero. Se mi alkroĉiĝus sur la kruco, ĉu li estus anstataŭonta min. Mi ne kredemas.

Oni krucumis la sentaŭgulon. Eĉ krion li ne eldiris. Nur foje li elvokis ian Eliaĥu — por malsuprenigi lin de sur la kruco . . . Eble li estis lia amiko. Kompreneble, nenia Eliaĥu venis: ĉu li estas freneza? La homo mortis ankaŭ sen li . . .

Alian tagon mia mano ekjukis. Mi estis ankaŭ malsatega. La embusko apud la ŝtonegoj de Jeriĥo estis videbla de ĉiuj flankoj: tie oni min kaptis, ĉu ne! Kien mi iru? Kaj mi ne emis estiĝi portisto, kaj ankaŭ, mi estis jam maljuna por lerni novan metion.

Apud la sankta Urbo, ĉe la piedoj de la Eleona Monto estis kampara domo de iu Eliazer, pri kiu oni parolis, ke Jeŝu lin revivigis? Bona afero! Kial li ne revivigis sin mem, sed revivigas la aliajn?

Tiu Eliazer estis riĉa homo. Ĉu li vivis per procentego, ĉu li elfosis oron, mi ne scias; sed multan monon li elspezis pro la disĉiploj de la krucumito, ke eĉ mi enviis lin: la malbenito estis tre riĉa!

Li altiris mian atenton. Li havis du fratinojn: Marta kaj Miriam; mi eksciis, ke ili loĝas kune kun li; ankaŭ iu servistino loĝis ĉe ili nome Sara, maljuna virino. Kvar do. La glavo multete devas esti uzata. Kaj mi devas klopodi, ke neniu eligu krion. Mi povis ja trovi helpantojn: sentaŭguloj estas multaj, precipe en Jeruŝalaim. Kie Dio loĝas, la homoj ne pasigas la tagon en laboro. Sed mi volis, ke neniu sciu pri mia atenco. Eĉ la infanoj scias pro kio la kolo de la lupo estas tiom dika. Mi ne bezonas helpantojn . . .

„Kun la virinoj mi facile finos“, mi diris al mi — „sed tiu procentegisto sufiĉe lacigos min . . .“ — Forta li aspektis, diablo lin prenu! — tro forta: mi vidis lin solan levi tutan veturilon da olivoj. Ĉu mi povus konkuri kun li laŭ forteco? Certe tiu povo falis al li el la ĉielo, post kiam tiu bubo revivigis lin! La reviviĝo estas bonaĵo. Se iu-ajn povus revivigi ankaŭ min! . . .

Dum multaj tagoj mi sekvis lin ĉien: malafabla, iom sulkiĝinta, — li vin formanĝos per okuloj. „Tiu amiko ne ŝercas! mi diris al mi; — li malfacile permesos, ke oni enigu glavon en lian korpon, maljuna rabisto! Pripensu iom!“

Sed li ludis per la mono. Ĉiuj iris al li por almozpeto kaj li donas, donadas! Foje li donis ankaŭ al mi du ormonerojn, post kiam mi mensogis al li, ke depost tri tagoj mi ne estas manĝinta. Alian tagon li vidis min kaj tuj ekkonis min. Estis — ne estis monato, post kiam tiu mortis sur la kruco. Li ekkonis min. Li demandis min, ĉu mi estas malsata. Mi diris, ke mi iom manĝemas. Li alkondukis min en sian domon.

Tiam mi diris al mi: „Bar Aba! Estu atenta! Nun cirkaŭrigardu bone la domon, tra kie oni eniras — eliras, kiu kie kuŝas, ĉu la pordoj estas ŝlositaj, ĉu la malfermaĵo de la tegmento estas alta, ĉu ili havas hundojn, ĉu nokte iu gardas la korton . . . Kvaroble malfermu viajn okulojn! Mi vidis ĉion. Eliazer demandis min, kiel mi nomiĝas. Mi ne kaŝis: „Mi estas Bar Aba“, mi diris. „Tiu — kiun oni liberigis la jubilean paskan tagon. La rabisto.“ Kaj mi alrigardis lin. Mi klopodis esprimi penton per la rigardo. Mi ŝajnigis min homo ekvivinta pie. Sed li ne rimarkis tion. Li diris al la servistino Sara ke ŝi regalu min kaj poste lasu min foriri.

„Vespere“, mi diris al mi, manĝinte — „mi aranĝos tiun aferon. Vere, li estas forteta. Sed ĉu mi elektas! Krome mi havos ankaŭ glavon! Kiel-ajn, ĝi finiĝos bone aŭ malbone“. Mi foriris. Tuj post la vesperiĝo mi trapasis Kidron apud la Getsemana Ĝardeno kaj ekiris tra la kruta vojeto al Betania: mi intencis malsupreniri en la domon el malantaŭe.

Estis mallumo kiel en katakombo. En la domo ne estis lumo: ĉu ili estas jam ekdormintaj? Frue estas. Ĉu neniu estas? La silento kaj la malhelo ĉirkaŭe iom timigis min. Mi ne sciis kion fari. Mi transsaltis la muron kaj malpeze troviĝis sen bruo sub la fenestro de la Eliazer' a ĉambro. Estis aŭdebla nenio. Mi rigardis ŝtele: mallume. La domo estis malplena. Mi ĉirkaŭiris ĉien. Neniu estis interne. Sed ĝuste kiam mi ekpremis la pordon por eniri, stranga bruo haltigis min. Ŝajne multaj homoj aliris tra la kruta vojeto kaj premis la enirajn pordojn. Mi kaŝiĝis malantaŭ la granataj arbustoj kaj ekaŭskultis. La pordo malfermiĝis. En la korton eniris Eliazer, kaj post li marŝis amaso de ĉifonitaj homoj-

fiŝistoj, senhejmuloj, forpelitaj skribistoj kaj sentaŭguloj. Li alkondukis ilin. Mi ekkonis unu el ili: Ŝimon Kirenea, patro de Rufa; li estis la sama, kiu surportis la krucon de tiu bubo, kiun oni krucumis sur Galgaleto.

Tiuj homoj malhelpis mian aferon, diablo ilin prenu! Tiun vesperon mi ne havas bonŝancon. Ili estas tiom multaj, dekkvin-dekses homoj! Kiel mi finus kun tiom da homoj?... Multaj malbenoj glaciiĝis sur miaj lipoj tiun vesperon...

Ili eniris.

En la domo oni ne bruligis kandelingon. De interne aŭdiĝis virinaj voĉoj: mi ekkonis, ke Miriam kaj Marta, la fratinoj de Eliazer estis interne. Kial mi ne plirapidiĝis? Ĝis nun ĉio estus finiĝinta.

Mi kuntiriĝis sub la fenestro.

La voĉoj eksilentis. Viroj kaj virinoj dronis en la mallumo. Nenio estis aŭdebla en la vasta subtegmentaĵo. Mi tuŝis miajn okulojn al la fenestro: distingiĝis nur genufleksintaj figuroj de homoj, kaj apud la muroj staris malklaraj arbustoj, laŭroj kaj oleandroj en malpezaj ŝtonvazoj. Kion faras tiuj silentemaj homoj en la mallumo? Al kiu ili preĝas en tiu horo? Ĉu tiu domo estas sinagogo? Mi komprenis nenion.

Kaj en tiu horo de mallumo kaj silento mi ekvidis lumajn flamojn en la mansardo: lumaj blankaj flamoj ektremis super la kapoj de la genufleksintaj viroj kaj virinoj; mi fikse ekrigardis en miro; ne, ne estis flamoj de kandelingo, nek flamoj de torĉo, nek flamoj de vaksa kandelo; mi vidis klare, ke la flamoj malsupreniris el supre, kvazaŭ la steloj falus el la ĉielo. Kaj tiuj flamoj similis je fajra lango. Kaj po unu flamo tremis super la kapo de ĉiu el la kunve-



Zarthmann — La mortanta Leonora Christina

nintoj. Kaj tiam granda timo kaptis min. Kaj mi falis surokule al la tero. Kaj kiam mi suprenlevis la kapon, mi vidis, ke la pordo de la domo malfermiĝas kaj la homoj eliras el tie. Kaj antaŭ ili marŝis viro en blankaj vestoj kaj sur siaj ŝultroj portis pezan krucon. Kaj lia vizaĝo similis tiun, kiun mi vidis, ke oni krucumis. De liaj okuloj fluadis granda lumo kiel radia akvofalo, kaj liaj vestoj kvazaŭ estis teksitaj el astra arĝento aŭ luna araneaĵo. Kaj super la kapoj de ĉiuj, kiuj marŝis post li, brilis po fajra lango kaj ĝi lumigis nigrajn, flavajn aŭ blankiĝintajn hararojn kaj brunajn, malgrasajn vizaĝojn. Inter ili estis ankaŭ virinoj, do mi nenion komprenis.

Kiam ili pasis la vestiblon, mi rigidiĝis pro timo, ĉar ne estis kie kaŝiĝi. Kaj mi ekstaris kvazaŭ ŝtoniĝinta pro tio, kion mi vidis, pro tremo antaŭ la miraklo kaj pro timo, ke oni malkovros la grandan malhonoron de mia atenco. Kaj en tiu minuto mi tuta ektremis kaj malbenis la horon, kiam mi unuan fojon ekdeziris vivi per mortigo kaj stelo. Kaj tiuj ĉifonitaj homoj, super kies kapoj tremis la lumaj langoj de la Vorto tuj ŝajnis al mia animo malproksimaj, kiel malproksime estas la suno por la malklara kavo de kotiĝinta strato. Ili ŝajnis al mi nealireblaj, puraj kaj serenaj.

Ili marŝis ekstaze antaŭen kvazaŭ blindigite pro lumo. Sed tiu, kiu marŝis antaŭ ili, vidis min kaj haltigis siajn paŝojn.

Li alproksimiĝis al mi kaj diris:

„Bar Aba, mia malfeliĉa frato, kion vi intencis fari?"

Kaj mi, la rabisto, Bar Aba, tiam falis ree surokule kaj ne kuraĝis ekrigardi lin. Ĉar mi aŭdis, ke la voĉo de la krucumito parolas al mi.

Sed li diris al mi dua-foje — kaj lia voĉo estis kvieta kaj sonora:

„Stariĝu, mia frato, Bar Aba! Metu la glavon en la glavingon kaj eligu ĝin kontraŭ neniu! Vi ekiris por mortigi, sed mi pardonas vin, ĉar vi cedis al mi vian krucon kaj vian Golgoton. Se oni ne estus min krucuminta, vi pendus sur ĝi, ĉar ĝi estis farita por vi. Sed mi dankas vin, mia frato, Bar Aba, ke vi cedis al mi la maldolĉan plezuron de la plej granda sufero! Stariĝu — kaj foriru en paco!"

Tiam mi kisis liajn nudajn piedojn kaj vidis sur ili la ruĝajn najlajn vundojn flori kiel rozoj.

— — — — — — — — — — — — — —

Kiam mi eniris noktmeze tra la ŝafinaj Pordoj en Jeruŝalaim, multaj homoj turniĝis por rigardi min kaj ĉiuj montris min per fingro. Sed mi timis rigardi ilin kaj marŝis kun mallevitaj okuloj.

Kiam mi devis transsalti vastan strion de akvo baranta la vojon, mi nevole vidis mian respegulaĵon kaj komprenis la miron de tiuj, kiuj montris min per fingro: super mia kapo treme brilis blanka fajro-lango. El la bulgara: Geo Ĥarŝev

---

# D O N N A - L I Z A

MARJA CZESKA

(Daŭrigo)



Inter la homoj plenpleniĝantaj la salonegojn de la urbdomo, distingiĝas figuro de orhara grekino. Sekvas ŝin okuloj de viroj plenaj je admiro, avido, postkuras ŝin ĵaluzaj rigardoj de virinoj. Sed ŝi paŝas kiel en sonĝo. La muziko ludas... rido sonas, pli ol unu fasko de floroj jam falis al ŝiaj piedoj, pli ol unu flustro petis al danco.

La koro de donna Liza batas per freneza, malregula pulsado, ĉar jen ŝi ekvidis sian norvegan fiŝiston. Do ŝi paŝas al li timplene, kun morto en la animo, kun sopiro senfina kaj timo ankoraŭ pli granda.

Post momento, mirigita rigardo ŝin ĉirkaŭprenas, la alta staturo kliniĝas en kortega riverenco, prezentante al ŝi faskon de rozoj purpuraj.

„Al la plej bela".

El la fendoj de l' masko paro de ore-nigraj okuloj rigardas en la pupilojn de l' fiŝisto kaj la eta mano etendiĝas al la floroj per trankvila gesto de regantino, sed la koro tremas...

„Vi certe fordonis jam pli da rozoj?"

„La unuaj kaj lastaj floroj de mia adoro, ho sinjorino, neniu ricevis ilin antaŭ vi kaj neniu ricevos post vi".

Fortika, mola mano arde ekpremis ŝiajn fingretojn tremantajn.

„Rigardu, ĉirkaŭe paroj preterflugas feliĉe, ankaŭ vi venu kun mi. Ni kreos kontraston, vi infano de l' sunplena Grekujo kaj mi, filo de malproksima nordo malvarma, kunigitaj por unu nokto karnavala sur itala tero. Lumo kaj ombro... la vivo konsistas el ĝi kaj ankaŭ la arto. Venu kun mi... malantaŭ la salono oni kreis boskon palman, ĉu tien ni iros?"

Liaj pupiloj flamiĝintaj ĉirkaŭprenas la belegan staturon de l' akompanantino.

„Strange... depost tiom da monatoj mi estas en Piza kaj neniam ĝis nun mi renkontis vin".

„Vi ne rimarkis verŝajne".

„Viajn formojn! Pardonu, artisto mi estas kaj vi ĉefverko de l' Dia mano, knabino. Se mi povus fiksi en marmoro viajn formojn por venontaj epokoj, vi estus kiel Venus el Milo, nesuperebla bildo de virina ĉarmego".

Rigardo de donna Liza falas en spegulon kaj ŝi vidas figuron belegan, la propran figuron, kaj

la amplenajn pupilojn de l' artisto kaj voĉon ŝi aŭdas mallaŭtigitan je flustro pasia:

„Kiel bela vi devas esti sen masko!"

Liza klinas la kapon... Ĝis tiam ŝi revis dormon sorĉan, nun al realeco la doloro ŝin vekis.

„Bela!" ŝia voĉo tremas, dolore rompiĝas, kiam ŝi aldonas per apenaŭ aŭdebla flustro: „Ĉu vi konas... Liza Corti?... eble mia vizaĝo ŝin memorigas..."

„Terura ŝerco... estas aferoj, pri kiuj ŝerci ne decas, malfeliĉoj, kies memorigo eĉ en la ĝojan helon de karnavala nokto falas kvazaŭ ombro."

El la brusto de Liza ŝiriĝas flustro mallaŭtigita: „Ĉu vi vidis ŝin foje?"

„Mi?... ho, ne... mi ne kuraĝus, rigardi en vizaĝon homan tiel malbeligitan... Vidu, artisto mi estas, mia animo per duobla forto sentas la belon de homa korpo; la malbeleco kaŭzas al mi doloron preskaŭ fizikan, mi malamas ĉiujn ekscesojn de l'naturo, liniojn malrektajn, vizaĝojn malbeligitajn..."

Liza eksentas tremon de abomeno, skuantan la korpon de l'viro kaj ŝia animo mortadas en doloro... Ha! Se al ŝi, kiel al Giustine Corti krevus la koro...

„Vi ne scias, kia ĝuego estis por mi la momento de via renkonto, ĉiu linio de via korpo estas poemo... — kaj se vi forprenus la maskon...

„La mistero havas sian ravon, *signore*... ne hodiaŭ..." la maldekstra mano de Liza leviĝas kvazaŭ defende.

„Sed morgaŭ... ĉu ne? Ĉar nia amikeco ja daŭros ankaŭ ĝis morgaŭ... — ĉu ne?..."

„Morgaŭ? Jes, morgaŭ ankaŭ..."

„*Carissima mia!*" La brako de l'viro ĉirkaŭas la talion de l'kunulino. La koro de donna Liza batas per neregula, freneziga pulso, ia dolĉa brulo flamigas la sangon... nebulo vualas ŝian rigardon... Paro de malhelbluaj okuloj kun tia amo, pasio dronas en ŝiajn pupilojn. La mistero de homa koro... sorĉita mondo fabela.

„Morgaŭ! Ah morgaŭ, oni ne pensu pri tio hodiaŭ!"

Ŝiaj brakoj subite ĉirkaŭprenis la kolon de l'viro, ŝi karese premiĝas, tuta, al lia brusto, ŝiaj oraj haroj kisas liajn lipojn.

„Kiel belega vi estas, knabino... Kiom mi amas vin kaj deziregas."

## TAGIĜAS!

JULIO BAGHY

Kiel sangsuĉa monstro en lukso parazita,
se prude grakas kun grimaco
al mizerul' pri justa graco,
tiel centdenta buŝo de l' mondo hipokrita
proklamojn vomas kun minaco
pri benoj de l' armita paco.

Kiu vin fidus, strutostomaka malsatanto,
nutranta vin per homa sango,
se jam grasiĝas via vango?
Kiun vi ravus, araneventra, per packanto,
promes' foira, falsaj pentoj,
se sentas ni, ke mordas dentoj?

Sciu, neniun ĉenos la aĉa mistifiko,
se gorĝon premas mano kruda,
se ungojn sentas karno nuda!
Sciu, ke ĉiun vekos el pesta narkotiko
la vort' predika sen bonfaro,
se vidos putron de l' Homaro!

Baldaŭ tagiĝos! Homoj vekiĝos el pasio
kaj ĉesos hurle mortodanci,
per leĝoj rancaj fraton lanci!
Baldaŭ tagiĝos! Nin superombros la konscio
retinon tranĉi de l' okuloj,
cindrigi ĝin en sanktaj bruloj!

Vokas jam al batalo la pacaj trumpetsonoj!
Pro ĝojo vibras koroj homaj,
ĉar flirtas flustroj freŝaromaj.
Treme balancas sin la miljaraj bastionoj!
Ratidoj de kloakaj fundoj
stertoras pro mortvokaj vundoj.

Venas la tempo! Jam proksimiĝas la aŭroro!
Karesas fruntojn freŝa vento,
nin flatas kis' de l' firmamento.
Venas la tempo! Falos idoloj de la oro!
Altaron levos homgenio
sur ruboj por la Harmonio.

Kredu, esperu, Homo! La regno de l' mallumo
perdinte tronon falos polvon;
La morgaŭ portos benan solvon.
Kredu, esperu, Homo! Radioj de la suno
fruktigos teron la fekundan;
rikolton havos ni abundan.

Vi, sibaritoj, aĉaj homvermoj, tremu, tremu!
Finita jam la komedio
pro justa venko de l' konscio.
Vi, parazitoj, grasaj hirudoj, tremu, tremu!
La masko putros en la koto
kaj vanos ruzo de l' komploto.

Venu, homfrato! Sekvu min! Ni ektranĉu vojon
en pramalklero de la mondo
al pacportanta lumoondo!
Venu, homfrato! Sekvu min fide en ĝojon!
Agordu bruston por aklamo:
leviĝas jam la sun' de l'Amo!

Liaj lipoj metas mil kisojn sur ŝiajn nudigitajn brakojn ... ili karesiĝas al la kolo belforma, pasia voĉo petegas:

„For la maskon, amatino! Donu al mi vian buŝon ... vian buŝon."

Per movo kiel penso rapida, donna Liza liberigas sin el liaj brakoj, en la silento de l'palma bosko ... nenatura rido eksonas.

„Morgaŭ ... karulo!"

„Unu fojon permesu al mi rigardi en vian vizaĝon, vi, mia sorĉa revo."

„Imagu al vi, ke mi estas statuo sen kapo ... ne ... ne ..." ree ŝi kareseme alpremas sin tuta, vidante la pro kolero brilantajn bluajn okulojn ... „Morgaŭ ... morgaŭ vi vidos min tutan ... sed nun venu ... ni reiru inter la homojn. Venu, ni dancu, ni baniĝu en ridado, kiel en viviga fonto ... venu. La tria jam batas, baldaŭ hejmeniri ni devos ... Ah, tiel rapide pasas la horoj, ĉiu hodiaŭo, antaŭ ol ni kapablas ĝin utiligi, fariĝas morgaŭo."

Ili miksiĝis en la dancantan popolon ... lia brako ĉirkaŭas ŝin, kuntiras en frenezigа danca turniĝo, la koron ebriigas nekonita ĝuego.

La kvara ekbatas ... Donna Liza kondukas sian kunulon en la ombron de cipresa aleo.

„Mi foriras."

„*Carissima* ... permesu al mi eternigi viajn formojn en marmoro ... Sinjorino mia, diaĵo ... amatino!"

„Mi konsentas."

„Kie ni revidos nin?"

„Atendu min hodiaŭ en la katedralo, vespere je la sesa ... Ĉu vi ekkonos min?"

„Viajn reĝajn formojn mi povus forgesi, ne ekkoni neniam!"

Dum mallonga momento ŝiaj brakoj ĉirkaŭprenas lian kolon ... Ŝajnis al li ... ĉu efektive mallonga profunda plorego ekskuis la gracian figuron? Li volis demandi, sed rapide ŝi deturnis sin kaj antaŭ ol li sukcesis sekvi ŝin, kiel ombro ŝi malaperis en la krepusko.

*

Antaŭ la granda altaro lumoj brilas ... enpremite en angulon plej malhelan staras virina figuro, la tremantajn manojn al sia koro ŝi premas. Nigra mantelo kun kapuĉo kovras la belan figuron, portas ĝin ĉiuj viktimoj de l' lepro, el la fendoj de l' kapuĉo rigardas ore-nigraj dolorplenaj okuloj.

Donna Liza atendas ... ŝi deziras ankoraŭfoje tiun figuron junulan, tiujn profundajn malhelbluajn okulojn.

— Ĉu li venos?

— Kaj se li venos?

Terura doloro ŝiradas ŝian koron, nur nun ŝi komprenis la tutan mizeron de sia estado, sian tutan malfeliĉon.

Paŝoj ... Alta, elasta figuro vira staras en la pordo, la malhela vestaĵo plividebligas belforman staturon, orkoloraj bukloj falas malsupren, ridas la okuloj, la buŝo ... Per atenta, esplora rigardo liaj okuloj traserĉas la malhelan navon preĝejan, haltas momenton sur la malhela staturo de donna Liza kaj ŝi vidas tiun saman senvolan movon de abomeno, kiun ŝi sentis hieraŭ. La juna artisto rapide forturnas la rigardon, malpacience ludadas per la fasko de rozoj purpuraj.

En la koro de donna Liza estingiĝas la lasta brilo de freneza espero ... ne eternigos ŝiajn formojn lia skulptilo en la marmoro, la abomeno, kiun li havus rigardante ŝian maskitan vizaĝon ne permesus al li senti ŝiajn formojn mirindajn.

Kaj ŝi ... ŝi esperis ankoraŭ antaŭ momento. Freneza! Freneza ...

Ŝajnas al ŝi, ke voĉon pasian ŝi aŭdas:

„Viajn diajn formojn mi ĉie ekkonos ..."

Kaj jen ili staras tiel proksime unu apud alia ... Minuto pasas post minuto, kun nerva maltrankvilo la junulo rigardas en la pordegon de l' katedralo kaj la atenda esprimo malaperadas el liaj trajtoj kune kun la forkuranta tempo, cedante al kolerigita amo propra ... oni lin mistifikis.

La bluaj okuloj perdis la mildan enamiĝintan esprimon, ŝtala ekbrilo de kolero flagras el ili. Donna Liza genufleksis, ŝiaj larĝe malfermitaj pupiloj rigardas en la vizaĝon amatan, deziras reteni en memoro ĉiun trajton de tiu vira kapo, de ŝia revo feliĉa, mallonga, sola ...

La sepa batas malrapideme ... solene.

La fasko de rozoj purpuraj falis sur la pargetan marmoron, en senforta furiozo la piedo de l' viro surpaŝis la florojn malfermiĝintajn, la donacon de lia amo. Ankoraŭ unu rigardo de kolerigita leono kaj li foriras ...

Kaj neniam ... neniam plu ...

Donna Liza altrenis sin al la forĵetitaj floroj, ŝiaj lipoj premiĝis al la frakasitaj kalikoj ... ia nebulo maldiafana malklarigis ŝian rigardon ... spasmo ekŝiris la koron ...

La blankaj fingroj ungiĝis en la marmoran pargeton kaj ... rigidiĝis.

*

La sekvintan tagon en la sama katedralo ripozis en ĉerko la sola infano de Pietro Corti, masko kovris la vizaĝon, greka vestaĵo ĉirkaŭis per mola faldaro la formojn mirindajn, en la orkolora hararo perlaj ŝnuroj plektiĝis, sur la koro vidiĝis fasko de paŝdetruitaj rozoj, kvazaŭ sanga makulo.

„Ŝi eliris en la lasta nokto karnavala, por almenaŭ unufoje ĝui la vivon, *signore*, kaj ŝia koro krevis ... kiel tiu de Giustina Corti", flustre klarigis la maljuna ŝlosisto al la fremlanda artisto ĉe la mortinta korpo de donna Liza.

*Premiita dum la Int. Floraj Ludoj en Vich.*

El la pola: *E. Fethke.*

# ARTO KAJ ARTISTOJ

## PAULO VARSÁNYI: LA EKIRO DE L'MODERNA PENTRARTO EN DANUJO

(*Daurigo*)

*Christian Zarthmann* (1843)estis historia pentristo, kiu elektis unu epokon, respektive unu figuron de l' dana historio: *Leonora Christina*, malfeliĉa filino de *Christian IV*. Ŝian vivon li prezentas en 14 bildoj, kiuj estas liaj ĉefverkoj. En ĉi tiuj bildoj li forlasis la ĝeneralajn skemojn de l' historia pentrarto kaj sub la vesto li montras ankaŭ homajn animon kaj sorton, kiuj estas antaŭ ni simpatiaj.

*Joachim Skovgaard* (1856)estas ano de la simbola kaj stiliza direkto, poeta individuo, kiu la realecon transformas en la fajro de sia patosa fantazio. Li profundiĝis en la delikataj mistikaĵoj de la religio kaj de tie ellevis la temojn de siaj profundsentaj bildoj. Liaj plej gravaj verkoj estas la freskoj de *l'Viborg'a* katedralo.

La nun sekvantaj artistoj jam verkis laŭ la signoj de l' individualisma naturalismo, celantaj disiĝi de la komuna naturalisma direkto kaj esprimi la sentojn per *individue stilizitaj* formoj de l' Naturo.



Wilhelm Hammershöj — Internejo

*L. A. Ring* (1857) en siaj bildoj kun intima amo prezentas al ni la vivon de l'kamparanoj. Al liaj plej belaj bildoj apartenas: *„Almozpetanta infano en kamparankorto"*, *„Printempo"*, *„En preĝejkorto"*.

*Julius Paulsen* (1860)estas majstro de la koloroj kaj pro tio unu el la plej modernaj pentristoj. Liaj bildoj: *„Adamo kaj Eva"* *„Kain"*, *„La naskiĝo de Eva"* estas belaj pecoj de lia arto.

*Wilhelm Hammershöj* (1864)estas internejpentristo, kies bildoj laŭ motivoj estas tro simplaj, sed despli riĉaj pri kolordelikataĵoj. Li pentris plejparte nudajn murojn, kelkajn simplajn meblojn, ofte kun unu persono, kiu turnas al ni sian dorson.

La arto de *Einar Nielsen* estis inspirita de la malgajaj flankoj de la vivo. Liaj bildoj estas melankoliaj poemoj de la malsano kaj sufero. En iliaj ĉiuj peniktiroj estas senteblaj la larmgutoj de senfine sentema artisto. Grandiozaj estas: *„La mortanta junulino"*, *„La invalido"*, *„La malfeliĉaj maljunuloj atendantaj la morton"*, *„La blinda junulino"* ktp. kiuj estas ĉiuj belegaj kreaĵoj de malgaja artisto.

*Niels V. Dorph* estas reprezentanto de la stiliza direkto, kies bildo *„Mia patrino"* forme kaj anime estas unu el la plej kristaliĝintaj pecoj de lia arto.

*(Fino)*

## LA SEKRETO DE L' ARTISTO

OLIVE SCHREINER

Iam estis artisto, kaj li pentris pentraĵon. Aliaj artistoj havis farbojn pli riĉajn, kaj pentris pli rimarkindajn pentraĵojn. Li pentris ĉi tiun per unu koloro, estis sur ĝi mirinda ruĝa brilo; kaj homoj iris tien kaj reen, dirante: „Ni ŝatas la pentraĵon, ni ŝatas la brilon".

La ceteraj artistoj venis kaj diris, „El kie li akiras sian farbon?" Ili lin demandis; kaj li ridetis kaj diris: „Mi ne povas diri al vi" kaj laboris plu, la kapon tre klininte.

Kaj unu iris en la malproksiman Orienton kaj aĉetis multekostajn pigmentojn, kaj faris raran farbon kaj pentris, sed post iom da tempo la pentraĵo velkiĝis. Aliulo tralegis malnovajn librojn, kaj faris farbon riĉan kaj raran, sed kiam li penikis ĝin, ĝi jam estis mortinta.

Sed la artisto pentris plu. Ĉiam la laboraĵo iĝis pli kaj pli ruĝa, kaj la artisto pli kaj pli paliĝis. Fine, unu tagon oni trovis lin mortinta antaŭ lia pentraĵo, kaj oni lin prenis por enterigi. La ceteraj homoj ĉirkaŭrigardis en ĉiujn potojn kaj fandujojn, sed ili nenion trovis, kion ili ne jam posedis.

Kaj kiam oni senvestigis lin por vesti al li liajn mortvestojn, oni trovis super lia maldekstra brusto la rostsignon de vundo — estis malnova, tre malnova vundo, kiu sendube tie estis lian tutan vivon, ĉar ĝiaj randoj estis malnovaj kaj rigidiĝintaj; sed Morto, kiu ĉion kungluas, estis kuntirinta la randojn, kaj ferminta ĝin. Kaj oni lin enterigis. Kaj la homoj ankoraŭ iris, dirante: „El kie li trovis sian farbon?"

Kaj okazis, ke post iom la artisto estis forgesita — sed la laboraĵo vivis.

El la angla: *A. Pravatine*

## MONDLITERATURA OBSERVO

ANATOLE FRANCE

„Mi ne kredis ke tiel facila estas la morto." Jen, laŭdire, la vortoj de Anatole France dum lia mallonga, milda mortado. Kaj li estus povinta ankaŭ diri: mi ne kredis ke tiel bela estas la morto. Ĉar bela estas lia morto, inda al lia vivo pasigita en la observado de l'Belo. Sen doloro, sen difektanta malsano li mortis, nur ĉar plenumiĝis pri li la eterna fato de l'Naturo: iam tamen li devis paŝi el la finiteco de l'vivo en la Eternon. Ĉiun sian verkon li finis, ĉiun sian gravan penson li komunikis — kaj en plej perfekta formo — la tutan enhavon de sia vivo li faris eternviva en siaj verkoj. Pli bele li vivis kaj multe pli bele li mortis ol lia majstro *Voltaire*, ĉar pli plene enestis en ĝi la sankta donaco de poeto.

Ho, konsolaj vortoj! Tamen ne estas vana la spirita laboro, la fortostreĉo por la eduko de l'homaro; almenaŭ kelkaj, la elektitoj povas akiri la gloron de l'bela vivo kaj bela morto, tiun honoron, kiu eble iam, en pli bona kaj progresinta epoko apartenos al ĉiu, kiu donis sin kun fido kaj talento al la instruo de l'homoj.

*

Ĉu ni volas kompreni la figuron de France? Ni devas memori pri la humanistoj de l'renesanco, unu, la lasta el ilia tipo estis li. Pri tiuj, kiuj malkovris por la homaro la kulturon de la klasika Antikvo, kaj kiuj en la kulto de l'Belo solvis la filozofion, la moralon, la religion — la tutan vivon. Ili esploris la miljarajn pergamenojn, ili povis same ĝui la noblajn formojn kaj delikatajn paroltturnojn de la antikvaj grekaj kaj latinaj poetoj, kiel la mildajn miniaturojn pentritajn al ili de mezepokaj monaĥoj. Ili estis paganoj, en la greka senco de l'vorto, ne laŭ kredo, ĉar ili ne povis kredi je la delonge mortintaj dioj de la antikvuloj, sed laŭ la belo, ĉar ili povis plezuri pri tiu pompa kaj kuraĝa, naiva fantazio, kiu popolumis la boskojn kaj kampojn, rokajn arbarojn kaj kaprican maron per dioj vivantaj, batalantaj kaj amantaj. Ili estis serenaj, ĉar ili povis ĝui ĉion, kion belan prezentas la

vivo, la arto kaj la pensado, kaj, ĉar la malbelajn aferojn, egoismon, avidecon, malbonecon, ili rigardis de malprok sime, kun la rideto de kompatema moko. Kun skeptika kritiko ili rigardis la superstiĉojn, la multspecajn ceremoniojn, la fanatismon, eĉ, ili ĝuis tion, kion tiuj havis belan, sed ili ne partoprenis ilin. Tamen, ili ne estis skeptikuloj, ĉar ili havis la grandan fidon, neniam ŝanceleblan, pri la viva forto de l'homa spirito, pri la ebleco de l'progreso. Kaj pri la beleco kaj valoro de l'vivo: ilin povis ravi bela ideo same kiel bela virina korpo, amumo de ama paro sur la vespera kampo same kiel ĥoralo sonanta el katedralo.

El ĉi tiu homspeco, kiu pereis per la racionalismo de l' XVIII. kaj per la industrialismo de l' XIX. jarcento, el ĉi tiu homspeco devenis, kiel lasta ido, Anatole France: la sola granda kaj senposteula humanisto de nia epoko. Per ĉi tio li diferencis de Voltaire, al kiu mankis la serena vivofilozofio kaj anima ekvilibro de vera humanisto, kaj de Renan, sub kies skeptikismo tie nigris la talaro de l' predikanto. Al la rideto de tiuj ĉi ambaŭ mankis la trajto Rabelaisa: la serena ĝuado kaj frandula kompreno de la etaj donacoj de l'vivo kaj de la ĝojoj de l'sensoj. La vivo de France estis bela, ĉar li ĝenerale rigardis la vivon bela, malgraŭ ĉiu ĝia malĝojeco, difekto, malbelo, tamen bela, bela super ĉio. Kaj li havis sufiĉe da prudento, por teni sin de ĝi malproksime, de kie oni jam povas vidi ankaŭ ĝiajn belaĵojn.

Li stariĝis flanken, sed ne en la indiferenton de l'eburturo. La grandaj moralaj ideoj de l' homaro forte vivis en lia koro, kaj kiam li vidis ilin endanĝerigitaj, li ĵetis por ili sian delikatan kaj noblan personon en la amarajn batalojn de l' aktualaĵoj. Li estis humanisto ankaŭ laŭ la originala senco de la vorto, kiam la humanismo signifas homecon. Li batalis por libereco, justeco kaj progreso, defendis la subpremitojn kaj persekutatojn. Jen estis lia socialismo. Ne la socialismo de la dogmoj de l' historia materialismo sed la socialismo de l' homamo estis la lia: Kredo pri tio, ke ĉiu homo havas denaskajn rajtojn partopreni la ĝojojn kaj belaĵojn de l' vivo. *—lin.*



Niels Dorph — Mia patrino

## „KYRA KYRALINA" — PANAIT ISTRATY

Antaŭ nelonge, en la amaso de libroj kiuj superŝutas la francajn librejojn, dronigante la scivolemon eĉ de la plej diligenta leganto, unu libro kaj unu nomo sukcesis imponi kaj efiki per simpla naturaleco kaj kereco. Tiu ĉi sensacia libro estas „Kyra Kyralina", kaj ĝia aŭtoro: Panait Istraty. — Estas nomoj eble plej ofte elparolataj en la nuntempa eŭropa kritiko. — Romain Roland malkovris lin Li rakontas kiamaniere fariĝis konata Panait Istraty en tre tragika situacio, en iu hospitalo en Svisujo, tranĉinte pro malespero sian gorĝon.

Li resaniĝis kaj interamikiĝis kun Rolland rakontinte al li sian tutan aventuran vivon. Li naskiĝis en 1884 en Braila, lia patro estis greka kontrabandisto, kaj lia patrino rumana kamparanino, tre bonkora kaj laborema virino. Je lia 12-a jaro, lin trudis lia nedifinita demono, aŭ ia ardanta neceso koni kaj ami, kaj ii forkuris de hejme. — Dum 20 jaroj li vivis nedifinitan vivon sendirekte, havante eksterordinarajn aventurojn, tedajn laborojn, suferojn, bruligite de suno, malsekigite de pluvo, kelnero, konfitisto, seruristo, maŝinisto, portisto, servisto, pentristo de firmaoj, koloristo de ŝipoj, jurnalisto, fotografisto, vojaĝante tra Egipto, Siria, Jaffa, Beyrouth, Damasc, Liban, Oriento, Grekujo, Svisujo kaj fine Francujo. Li komencis lerni france el la klasikaj verkoj, tute sen ia gramatiko, kaj li skribas nun en la plej vigla kaj klasika franca lingvo. Rolland ekvidis en li la „tumulton de la genio", „novan Gorkij" kaj instigis lin skribi ĉiujn siajn travivaĵojn. Rolland estas artisto kaj postulis de li arton.

„Kyra Kyralina" estis la unua volumo, kaj Istraty ne afektas, li estas sincera, kruele sincera, tiom, ke li ruĝigas homon. Per la instinkto li skribas bone, tio estas simple kaj bele. Sendube li parencas kun la rusa literaturo, kun la verkistoj, kiuj faris el sia arto religion de la slava animo kaj liberigan leĝon.

Kiel ili, Panait Istraty havas la saman preferon en la elekto de la subjektoj, kaj havas sendiskute ilian talenton, sed ne havas ilian profundecan rigardon, ne traboras la profundecon, nek lumigas per briliga okulo. La legado de Istraty igas la homon revi, dum tiu de la rusaj majstroj, igas lin pensi.

„Kyra Kyralina" estas konfeso pri lia vivo, la pasinto de Adiren- lia infaneco- la malfacila vivpovo. kun heroaj bataloj, kun pasiaj venĝoj, kun strangaj kaj perversaj amoj, tiu ĉi pasinto trovas en Istraty rasan kantiston. Sur turkaj melodioj li rakontas sian humilan kaj kruelan vivon, en kiu la homaj sentimentoj mortigas sin reciproke, vivon en kiu la pasioj konfuzas la grandiulojn kaj neniigas ilin brutale. Kaj en la lasta parto- la plej bona- troviĝas vera peceto da homa animo: la amikeco; tie ĉi li estas universala artisto. Istraty venkas sen literaturo, li skribas dirante sincerege tion, kion li havas por diri, kaj li faris verkon kiu, malgraŭ ke li estas je la komenco, imponas kvazaŭ monumento, monumento de simpleco kaj brutala naturaleco, arto realigita sen literaturo.

La dua verko estis „Oncle Anghel", la tria „les Haidouks" same profundaj, sed kiuj havas rumanan subjekton — en onklo Anghel pentrante la lokan tipon de malŝanculo, kiu travivas ĉiujn epizodojn de la mizero kaj malfeliĉo. kaj en la Haidukoj pentrante tutajn epokojn el la rumanaj liberiĝbataloj, kiam la „haidukoj" — jam legendaj — ludis gravan rolon.

Liaj verkoj jam disvastiĝis en la tuta mondo, li estas trafe dirite „en vogue" ĉar liaj verkoj troviĝas eĉ en tradukoj de preskaŭ ĉiuj kulturlingvoj, kaj feliĉa estus la ideo, se iu lerta samideano prenus la taskon esperantigi liajn ĉarmegajn rakontojn. *G. Bugariu,* (Bucuresti)

# BIBLIOGRAFIO

## FRANCESKO NITTI: EŬROPO ĈE LA ABISMO

Kun speciala antaŭparolo kaj bildo de la aŭtoro. Tradukis Robert Kreŭz. 3. — oraj markoj. 200 pĝĝ. Eldonis: Frankfurter Societäts-Druckerei G. m. b. H. Frankfurt a Main.

Kian ajn politikan konvinkiĝon havu iu esperantisto, li certe ne rifuzos la grandan propagandan kaj principan valoron al tio ke fama politikisto, unu el la antaŭ-ne-longaj direktantoj de Eŭropo, tradukigas sian verkon en Esperanton, eĉ verkas apartan antaŭparolon al la Esp. eldono.

Pri la enhavo de la libro skribi estas iom ĝene. Sed mi estis kaj estas pacifisto antaŭ, dum kaj post la milito, kaj mi nun apartenas al venkita lando. Eble oni ne indig nos, se mi nun malkaŝos mian ĝojon pri tio ke jen, ano de venkinta lando deklaras, ke *mi* ne estis kulpa pri la milito, ke mi povas jam permesi al mi la lukson de konsciencpureco, ke la suferojn, al kiuj mi estas kondamnita, mi povas rigardi nemeritita puno. Kaj ankaŭ al la kvinjaraj infanoj mi povas krii konsole: „Vi suferas? Bone! Toleru! Sed la konscieneco ne premu vin plu, vi ne estas kulpaj pri la milito."

Fino. La libro min konvinkis. Malsamopiniantoj eble same legos ĝin kun intereso. Ankaŭ ili miros pri la bonega stilo de la aŭtoro, kiu per sia plastika prezentmaniero ĉiam povas konservi vigla la intereson kontraŭ la kelkfoje seka temo. Nin tentas: skribi ĉi tie kelkajn frazojn el la antaŭparolo:

„Eŭropo povas esti komparata kun la domo de la Atridoj. Por sin venĝi de malhonoro Atreo faras la unuan teruran krimon. Sed poste liaj filoj, Agamemnono kaj Menelao, komencas vicon da krimoj kiuj daŭras senĉese kaj terure, sed estas ĉiam logikaj kaj fatalaj ĝis la disfalo de la posteuloj de l'reĝo de Argo kaj Mikeno."

Ofte oni sentas en la libro la pulsadon de forta kaj emfaza sento, kiun oni povus nomi Eŭropa patriotismo.

La traduko estas bona, tio estas, facile komprenebla. Se mi tro kritikus ĝin, mi povus riproĉi eraretojn (superfluajn ig, iĝ, ec), sed ili ne ĝenas.

La verkon mi varme rekomendas al ĉiuj, precipe ĉar la eidonejo promesas en okazo de prospero eldonon de aliaj kaj alispecaj verkoj. *(—las)*

## ANDRÉ HONNORAT:

La sendanĝereco de Francujo, Tekstoj kaj dokumentoj. Paris „L'idée francaise a l'étranger" 11. Place de la Bourse. 1924.

La libro en tre klara kaj evidenta maniero grupigas diplomatajn aktojn, kiuj prezentas tre interesan kaj frapantan bildon pri la sorĉista kuirejo de la diplomatio. La aŭtoro en mallonga artikolo resumas la pruvaĵon de la dokumentoj, primontrante la senreviĝojn, kiuj trafis Francujon de post la packontraktoj, refutas la akuzon de egoismo kontraŭ Francujo, kaj deklaras ke la manko de sendanĝereco de Francujo estas la ĉefa malhelpo de la daŭra paco.

Certe ĉiu legos kun intereso la diplomatajn aktojn en nia lingvo. La libro estas grava pliriĉiĝo ankaŭ lingve, grava helpo por la vortaristo de diplomatiaj terminoj. Pri la boneco de l'stilo kaj esprimoj garantias la nomo de S-ro Grossjean-Maupin, kiu revizis la tekston.

## FERDINAND RAIMUND: LA MALŜPARULO

Originala sorĉfabelo en tri aktoj

„Disputas pri feliĉ' sen fin'
La homoj inter si.
Stultigas reciproke sin
Kaj mem ne scias pli . . ."

Rememoro el mia infanaĝo, kiam ankoraŭ mia patro kantetis hejme la naivajn melodiojn de la „Malŝparulo", tiel sukcese ludita dum la viena Esperanto-kongreso. La tutan verketon envolvas la naiva, malnova nebulo reportante nin al tempoj pasintaj, kiam la homoj bezonis tiajn sorĉfabelojn kun iom da dramo, iom da vero, iom da simbolo, iom da bonhumoro kaj kun bona fino.

Raimund kunmetis ĉion ĉi bonsukcese en la „Malŝparulo" kaj ne estas mirinde, ke inter liaj teatraĵoj tiu ĉi estas la plej populara. Li volas, laŭ malnova kutimo, instrui kaj amuzi kaj montras mistikajn praverojn, kiujn ankaŭ hodiaŭ neniu kredas. Ĝi ja estas nur fabelo!

En eterna lando de bonaj kaj agemaj spiritoj la feino Cheristane sentas grandan amon al surtere vivanta estaĵo: al malgranda Flotwell. Per sia sorĉpovo ŝi superŝutas lin per riĉeco, sed tiu kreskigas en la juna Flotwell la emon: vivi malavare abunde donacante. La riĉeco malrapide disfluas, la amikoj, por la mono kaj ne por la koro, sendanke akceptas la regaladojn. Cheristane volas atentigi lin kaj aperas antaŭ li, kiel montara knabineto. Flotwell ekamas ŝin, sed ne ŝanĝas sian konduton. Cheristane oferas sian lastan perlon por krei servantan spiriton, kiu ne povos malhelpi la sorton de Flotwell, sed povos averti lin. Per tiu donaco ŝi devas forlasi la teron kaj reiri en sian spiritan landon. Flotwell ekamas knabinon, kiun ŝi, kontraŭ la patra volo, edzinigas en Anglujo. Vane aperis antaŭ li la almozulo, kreitaĵo de Cheristane, por averti lin per sia propra malfeliĉa sorto, Flotwell rapide perdas ĉion. ankaŭ la edzinon kaj la dumtempe naskitan infanon, por reveni sen ia havaĵo al la ruinoj de sia kastelo. Tie li spertas la sendankecon de siaj amikoj kaj plej amataj servistoj, la dankemon de kelkaj simplaj homoj kaj retrovas parton de sia iama riĉaĵo, kiun kaŝis la almozulo inter la ruinoj, laŭ la volo de Cheristane. Ankaŭ ŝi reaperas por momento kaj profetas iaman renkontiĝon:

„En la senlima regno de la am',
En renkontejo de spiritoj ĉiuj."

La malnovmoda, vere vienana muzikakompano, la lerte pentritaj figuroj, la montro de sorta puno al la malbonuloj kaj sorta rekompenco al la bonuloj donas specialan ĉarmon al la teatraĵeto, kiu nun aperis en bongusta libreto eldonite de la firmo *F. Hirt kaj Filo, Leipzig.*

Kolonelo F. Zwach, la lerta tradukinto. interpretas la verkon en bone fluanta Esperanto. Eble kelkfoje li ne tute sukcesis redoni la popolan aromon, eble kelkfoje la frazoj enhavas ian pezecon, la plej moderna Esperanto kelkloke eble farus alian solvon, sed la libro certe estas agrabla kaj facila legaĵo. Alie (anst. aliloke) kaj alies ŝajnas al mi malĝustaj, knabego estas terura vorto. La ritma prozo eble malpli havas poeziajn permesojn ol la versoj, ili estas tie plie sentataj.

La versoj estas tre lerte tradukitaj. Eble tro multaj „ve", „tre", „nur", „do", „tro" interrimas sed pri la lerteco ĝenerala de la tradukinto atestu tiu ĉi parto:

Ke pro gut' da vinbersuko
Hom' kun tia bon-eduko
Povas perdi el la nuko
Tiom de la cerbomuko,
Ke ĉapelon li kun buko
Interŝanĝas kun peruko:
Estas granda mens-kaduko.

Kiu ŝatas kelkfoje forlasi la nunan ofte malesperigan materialan mondon kaj reiri al pli simplaj problemoj. kiu ŝatas la fabelojn prezentantajn al la legantoj ofte profundajn verojn, tiuj ĉiam plezure legos la prozajn kaj poeziajn paĝojn de la „Malŝparulo". Por ili la tempo ne estos malŝparado, ili trovos almenaŭ momentan kontentiĝon kaj:

„Kontento ja estas plej bona balzam'."

*Vera Narhom*

**NIA KUNLABORANTARO**

LOUISE BRIGGS (ARMLEY), J. GRAU CASÁS (BARCELONA), HELMI & HILDA DRESEN (TALLINN), NIKOLAO HOHLOV (ZAGREB), IVAN H. KRESTANOFF (DRESDEN), A. MAZZOLINI (FERMO), JAN VAN SCHOOR (ANTWERPEN), PAUL MEDEM (KAUNAS), TIBERIO MORARIU (BUCURESTI), PAUL NYLÉN (STOCKHOLM), EMMA L. OSMOND (LONDON), PETRO STOJAN (CHISINAU), M. SOLOVJEV (NOVI SAD), DRO LEONO ZAMENHOF (VARSOVIO), RAYMOND SCHWARTZ (PARIS), J JURISTA (CZÉNSTOCHOVA) STANISLAW BRAUN (LODZ) HENRIKO SEPPIK (TALLINN), DANIEL EYQUEM (PARIS), ZANONI. RESPONDA REDAKTORO: DRO TEODORO SCHWARC

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró